# ILERA-bulteno


ILERA, Internacia Ligo de Esperanto-Radio-Amatoroj

numero 52 1994 junio redaktis: DL6UDX, DJ4PG tajpado/eraroj: DJ4PG


| Enhavo: | paĝo |
|---|---|


ILERA-kontoj

| | |
|---|---|
| per UEA: | poŝtĉek-kontoj en ON,DL,PA0,SM, vidu jarlibro '94, p. 36<br>nia ILERA-konto ĉe UEA: iler-r |
| F: G.E.P.R.A.F. | P.Ĉ.K . Nantes 2 883 39 W |
| DL: DL6UDX | Wolf Krüger, konto 48090415 bank-kodo (BLZ) 17052442<br>Stadt- u. Kreisspark. Eisenhüttenstadt |

esperanto

*bona ideo!*

UK '94 en Seulo, kopio de fakso:

94年07月03日 23時23分 P01

Atenton al Hans B. Welling DJ 4 PG
+49-5405-6-9931

Kara Hans DJ 4 PG de JA 1 FXZ

6K 94 UK speciala voksigno en Universala Kongreso ESPERANTA

UK en Seulo okazos baldaŭ en venonta monatofino de julio en Seulo. Nun koreaj radioamatoroj preparas kongresan radiostacion. La voksigno estas "6K 94 UK" Azia radioamatorismo nun estas aktiva en tiuj kelkaj jarorj.

La fakkunsido de radioamatoro estas en la 29 de julio, 11 - 12a horo. La japanaj r-a-j partoprenos pli ol 20, la koreaj partoprenos pli ol 10 membroj. Ni havos vesperrenkontig^on de radioamatoroj esperantistaj en la 28 de julio, 18.00 - 20.00. Kiom da r-a-j esp. kolektig^os en UK en Seulo? Sed mi ne konas ilin krom japanaj kaj koreaj. C^inaj r-a-j (BY5HEY/Tai kaj BY2SY/Drako) ne povas partopreni pro la financoj.

JA, HL, BY, JT--

Nun mi planas aŭtomobilan vojag^on tra la kvin landoj kun r-a-j kiuj estas japanaj, koreaj c^inaj kaj eble mongolia kun radiaj aparatoj kaj verda flago dum 2 monatoj de la mezo de augusto g^is oktobro. Sed tio estas en la plano. Esperanta fako de Radio C^ina Internacia naskig^is antau 30 jaroj. Do tiu jaro estas 30 jara deveno. Esperanta fako subtenos nian planon.

Bonvole informu al mi pri partoprenontoj el europaj radioamatoroj.

fakso +81 -3-3305-2773
tel +81 -3-3305-0174

Pacifika Rondo / EKAROJ
g^enerala sekretario JA 1 FXZ /Jojo

Estraro
Kiel informita en IL-bulteno 51, nia prezidanto Genadij, UW9YE kaj la sekretario Laci, HA7PW rezignis de siaj postenoj.
Restas de la estraro do la du vicprezidantoj, Wolf, DL6UDX kaj Hans, DJ4PG. Ili, pro diversaj kaŭzoj ne povis sufiĉe anstataŭigi ilin.
Je la 8a de Majo 1994 ni du faris estrarkunsidon en Eisenhüttenstadt. Rezultoj:

1. Tiu ĉi bulteno
2. Elektoj
   Ni devas elekti novan estraron, nome:
   - prezidanton
   - sekretarion
   - bulteniston
   - kasiston

Kiu volas transpreni iun de tiuj postenoj?
Bonvolu sendi viajn ideojn, sin-proponojn ktp. al DL6UDX kaj DJ4PG. Kopion bv. al via landa reprezentanto.
Elektoj estu dum la UK en Seulo. Vi povas ankaŭ skribi al ILERA per adreso de la UK, por ke la jarkunveno povu konsideri vian opinion.
Espereble ankaŭ en paket-radio oni legos, kiel atingi la kongreson?
2.1 Bultenisto
Pli ol 20 de vi ricevis la proponon de Gjenadij Basov, RW9HWR el Tomsk, Siberio, kiu pretas zorgi pri ĝi.
En tri linioj mallonge: Gjennadij pretas prepari la kompostadon (redaktadon?). Posta profesia preparo, presado kaj forsendo de 400 ekzempleroj per kompanio en Jekaterinburg (Rusiando) kostos po 220.-US-Dolarojn = 0,55$/ekz.
Ni timas pri jenaj punktoj:
- poŝto al kaj el Tomsk povus nebone funkcii (bazite je spertoj inter HA7PW k.a. kaj UW9YE).
- transsendo de mono povas esti problemo (spertoj ekzistas)
- la financoj de ILERA v. sube punkto 3
- aldono: almenaŭ unu membro de "bultenista teamo" estu aktiva en paket-radio, ĉar oni povus sendi tekstojn al li simple + malmultekoste
2.2 Sekretario
Kaj, SM5DAD deklaris sin preta esti kandidato. Sed li ne pretas esti samtempe la bultenisto aŭ kasisto.
2.3 Vicprezidantoj
Ni ambaŭ DL6UDX kaj DJ4PG, pretas resti v.p. laŭ elekto en Vieno.
3.Kaso
Vidu IL-bult. 51, p.2 . La kaso estas malplena. Kial tiel multaj de vi ne (plu) pagis? La kontoj estas listigitaj je p.1 . Por instali novan bulteniston, ni nepre devas havi sufiĉe plenan kason. Memorigo: ILERA-kotizo 15% de UEA-MA-kotizo, ĉ. 8 US$. Ankaŭ donacoj bonvenaj, memkompreneble. (Kontoj: v.p. 1)
Rimarko por la landaj reprezentantoj: Se vi anoncas vian bankkonton, ni povus ĝin listigi je p.1 de la venonta bulteno. Tio memorigus viajn membrojn pri la pago. (Certe kelkaj ja intencas pagi, sed ne trovas la informon... )

Novaj Membroj:
Ĝojiga: ILERA nun havas la 500an membron: 500 DK8QCFranz-Josef Kubiak

UK 1993 en Valencio

Laŭ peto de EA5DR. Albino. la radio klubo de Valencia instalis kompletan stacion por 20-10m kaj por 2m en la kongresejo. Eĉ multe pli aktivaj ol ni E-istoj en la aktiviĝo de la stacio estis la hispanaj amikoj. Ili faris pli ol 300 kontaktojn po tago. entute ĉirkaŭ 2000 kontaktojn!
Ili kaj laŭ disponebla tempo ankaŭ ni E-istoj tiel ege aktive propagandis (en hispana lingvo kaj la angla) pri nia kongreso. je ĉiuj bendoj. ke preskaŭ neniu amatoro en la tuta regiono mediteranea restis neinformita pri Esperanto. La reagoj estis tre pozitivaj.
Aktiviĝis la stacion EA5LS Francisco (prezidanto de la URE. union de radioaficionados Valencia). EA5 ? Jesus (URE), EA3BKL Rafael. DL7DE Irene. EA5DR Albino. DJ4PG Hans kaj aliaj.

ILERA-jarkunveno '93

Bedaŭrinde mi ne ricevis la skriban protokolon nek liston de partoprenantoj. Tial jen nur mallonge memora protokolo:
- Gvidis la kunvenon DJ4PG, Hans
- sinprezentis la partoprenantoj, ĉirkaŭ 10
- Li informis pri la situacio de ILERA: la rezignoj de Genadij kaj Laci.
Wolf kaj Hans bedaŭras, ke ili ne povas sufiĉe bone daŭrigi la laboron. Hans raportis. ke Wolf ne estas preta esti prezidanto. Sed ambaŭ daŭrigos en siaj postenoj laŭ elektoj en Vieno ĝis novelekto.
- Elektoj
konkretaj proponoj pri elekto de aliaj ne venis nek perletere nek el la partoprenantaro. do la tasko restas al la venonta kongreso.

Aktivecoj. adresoj. diversaĵoj:

Britio - Nova landa reprezentanto.
Ray Exley. G4IUE. informis: "Mi estas la nova reprezentanto por la Angla grupo de ILERA. Dum 1993 ni havis 26 anojn. Nuntempe mi skribas al la anoj por iliaj kotizoj. Ĉu vi havas informon pri ILERA? Mi deziras scii, kiom da kotizoj ni devas pagi por ILERA nun. Ray G4IUE "
Adreso: 63 Eastholme Drive. York, YO3 6SZ England
Respondo pri la unua demando, v. supre. Pri la dua, KOTIZOJ, jen sube:
Por havi konstantan klarecon pri la kotizo, ni iam decidis, ke la ILERA-kotizo estu 15% de la kotizo de UEA por MA. Tio por 1994 estas 15% de 33 pundoj, do 4,95 pundoj. Por kelkaj aliaj landoj: JA 1080 Y, DL 12,90 DM ktp.
Demando de mi: mi kelkfoje serĉis la britan rondon (marde 15:30 UT, 7,066 MHz. ĉu bone?), sed ne aŭdis ion. Bv. meti informon en la paket-reton. DJ4PG - G8QR. Reĝ, denove estas aktiva. DL6UDX kontaktis lin 25.Apr. je 7,066

Ĉinio: Nova Esperanto-kluba stacio en Ĉinio: BY2SY. operatoro: BZ2VS
La stacio estas donaco de la Japana E.-klubo de radioamatoroj.
JA1FXZ. Jojo. Ito Akiko kaj Takeuchi Reiko partoprenis la inaŭguron.
Espereble jam aŭdata en la etero? el rondletero de GEPRAF,F9ED

Nederlando: -Nova landa reprezentanto
De Adriano. PA3DFZ. nun Sjoerd Bosga. PA3FLC. transprenis la postenon. malgraŭ abundo de aliaj aferoj. Adreso: P.B.2141 NL-5202 CC 's Hertogenbosch

Francio:
- la franca rondo (7,066 MHz. 7:30 UT somere. 8:30 UT vintre) ne ĉiam, sed ofte estas aŭdebla en granda parto de Eŭropo. Kelkfoje la rondo ankaŭ ŝanĝis al 80m. kiam 40m havis nesufiĉajn kondiĉojn. (DJ4PG)
-Nova adreso de F6ILR. prez. de GEPRAF. Jean-Jacques Noël. rue d' Auvergne. F 86500 Montmorillon.
-La francoj estis tre aktivaj. I.a.: partopreno en la kongreso de la Europa movado (Marto), Int. Junulara kongreso. kongreso France Est Oktobro 93. kun stacio inklusive paket-radio. F5NGM aktivis en la skolta Ĵamboreo en la etero. Gerard. bv. informi pri skedoj de la venonta. (per p.r.?), por ke ni povu pli bone demonstri la praktikan uzadon de E-o.

4Z4LX. Rami. estis kontaktita plurfoje. Li havas novan lokon (sed saman poŝtkeston). novan, tre bonan stacion.

DL6UDX
Supre vi legis. ke nun aliĝis al ILERA la 500a membro. Tre ĝojiga. ĉu ne? Estas vere indiko. ke nia ideo nun havas solidan bazon inter la radio-amatoroj. Specialan dankon ni ŝuldas pro tio al nia estinta sekretario Laci. HA7PW. kiu tiel efektive organizadis. ke tiom multaj E-istoj fariĝis registritaj membroj.
Sed kelkfoje. kiam la bendoj kaj niaj ILERA-frekvencoj estas mortaj, oni povas dubi. ĉu tiel granda nombro estas vera. Sed tiu impreso trompas. Se oni regule partoprenas la rondojn kaj aŭskultas la ILERA-frekvencojn, oni povas sufiĉe ofte havi kontaktojn en nia lingvo. Ekzemple:
Wolf. DL6UDX ĝis nun kontaktis pli ol 400 diversajn staciojn. De ili li ricevis konfirmkartojn jam de 360 stacioj el 40 landoj! Imitinda. ĉu ne? (DJ4PG)

DJ4PG Nova loko: vidu la novan adreson ĉe konkurso 1994. paĝo 6
Sude de mia domo estas monteto. Pro tio mi eble estas iom pli mallaŭta suden. sed kun 4Z4LX mi inter Januaro kaj nun jam ripete interŝanĝis raportojn RS 55. al sudoriento/sudokcidento ne devus esti problemoj.
Mi sufiĉe ofte aŭskultas (kaj de tempo al tempo vokas "iu ajn!") je 14,266 dum la oficeja laboro. Voku! (Paroli nian lingvon mi preferas al skribi)
1994-jan. ĝis junio mi havis 96 kontaktojn en E-o. plus paket-radio.

Ĝenerale: Nuntempe la nombro de sunmakuloj estas malalta kaj la kondiĉoj relative malbonaj. Tamen kontaktoj pli ofte eblas ol vi eble pensas. Aŭskultu je niaj frekvencoj kaj voku.
-La sudamerika rondo estis kelkfoje kontaktita de Eŭropo. Al Eu malfermis la bendo iom post la oficiala komenco de la rondo (20:30 UT. 14,266 MHz). Tial bv. aŭskulti ĝis 21:00, kiam ofte la signaloj kreskas ĝis 59. (DL6UDX)

Eŭropa Esperanto-Festivalo 09-15 Julio
Organizanto: Hungaria Esperanto-Asocio, HU-1368 Budapest, Pf. 193
Tel.: (36-1) 268-03-06 Fakso: 268-03-31
Volas partopreni. (kun stacio): HA7PW. DL6UDX.DJ4PG.OK2LS.YO5OCP kaj...
Pripensu ĉeeston!
Pri HA-licenco kontaktu HA7PW
**P.S.**: Esperebla bone sukcesis. Pro malsano kaj morto de mia patrino mi bedaurinde ne povis partopreni kaj ankaŭ mia veturgasto Wolf.
P.S. 2: Ankau tiu-ĉi bulteno estis aldone prokrastita tial. Pardonon!

Paket-Radio
La listo de Esperanto-paket-radio-stacioj nun enhavas 54 voksignojn el 19 landoj.
Kelkaj stacioj havas bonajn kontaktojn. Tamen ekzistas kelkaj problemoj:
Al Japanio el Japanio nur rare sukcesas mesaĝoj. Ankaŭ al CT1CGE Japanaj amikoj, bv. raporti, kiel atingi vin. Mi ne sukcesis ĝis nun.
Mi mem ricevis kelkfoje mesaghojn el Japanio, sed miaj respondoj (per p.r. kaj perletere) ne estis responditaj.
Eble relajsaj stacioj blokas nian lingvon?? Ĉu vere la Usonaj reguloj por sispopoj (relajs-estroj) devige postulas la blokadon kaj forviŝadon de ĉio ne-angla???
Estas rekomendinda je transkontinentaj mesaĝoj, komenci per unu du linioj en angla por klarigi la amatoran enhavon al suspektemaj sisopoj.
Se ne alvenas tamen, sendu duan konfirm-mesaĝon mallongan en angla lingvo.
Rubriko: Kelkaj skribas en la rubrikon "ALL". Preferinda estas i.m.o. uzi la rubrikon "ESPERANT".
Normale estas ebla, konvinki vian lokan sisopon, fiksi la vivtempon de nia rubriko al 100 tagoj. (Sisopoj bezonas donacojn, do pripensu kombinon de via peto kun donaco).

Konkursoj
-Pardonu mian netolereble prokrastitan finan venkon pri la raportoj '92 + '93!
'93 estis tre tre malbonaj kondiĉoj. Ĉu 94 estos simila? En tiuj kazoj mi petas, des pli longe resti je la frekvencoj por atingi minimuman efikon laŭ la celoj de la konkurso: Demonstri efike la praktikan uzeblecon de Esperanto, kaj al la ekstera radio-amatoraro, kaj al niaj novaj kaj malnovaj amikoj, kiuj nepre bezonas praktikon en nia lingvo. Eĉ se dum longaj silentaj periodoj iom da frusto venas, ne foriru!
Kiel atingis la unuaj 10 gajnantoj siajn multajn kontaktojn? Bonvolu studi la lastan kolumnon de la "rezultoj": Oni ne kaptas ĉiujn malfermojn de la bendoj dum nur du tri aktivaj horoj. Kondiĉoj ŝanĝas de 30 minutoj al 30 minutoj kaj tiel donas subite novajn kontakteblecojn
Rimarko #1: Ĉiujare speciale dum dimanĉo restas multe da tempo por amikecaj babiladoj, kiun la plimulto de vi ne uzas. Post jaroj de spertoj ni nun devus esti eblaj, ŝanĝi de "babila" parolmaniero (ĝentila, amikeca) al "konkursa" parolmaniero (rapida, efika, nur: voksigno, raporto, dankon!) ĉiam, kiam dum babilado aperas nova stacio (preferebie interrompanta per "hejhej konkurso!"), kaj inverse reen al babilado.
Rimarko #2 (de estrarano, kiu ricevis kritikon, grandparte meritan): Ĉu ILERA por multaj de vi ĉefe estas burokrata organizo?? Mi ege altestimas komunikilon kiel la bulteno, sed ĉu ne la kontaktoj parolaj per radio estas la ĉefa bazo de ILERA? Do, kial oni tiel rare aŭ neniam aŭdas multajn de vi sur la bendoj? Speciale, se kaj kiam mankas aktivecoj organizaj, prenu la mikrofonon kaj kontaktu des pli aktive!
Rimarko #3: Estas teda, sed tre efika, ŝanĝi la bendon ofte dum la konkurso. Voku kaj aŭskultu ankaŭ flanke, de niaj precizaj frekvencoj, minimume +-5 kHz!

Reguloj 1994: Neniu ŝanĝo. Dato: **Nov. 19 + 20** (tria semajnfino)
Sendu vian raporton **al mia nova adreso:** (per letero, paketradio, fakso)
Hans Welling, zum Ortenbrink 42, D-49205 Hasbergen, Germanio
Tel.: (+49) 5405 699 -33 Fakso: -31 DJ4PG @ DBØOBK.#NDS.DEU.EU

ESPERANTO-KONKURSO 1993, rezultoj

| ran-go | vok-signo | poen-toj | staci-oj | lan-doj | ben-doj | pau-zoj |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | DJ4PG | 60 | 34 | 14 | 7 | 32 |
| 2 | YO9AGI | 58 | 39 | 12 | 5 | 32 |
| 3 | F6CLV/p | 55 | 37 | 14 | 5 | 31 |
| 4 | LY2FN | 48 | 32 | 11 | 4 | 32 |
| 5 | DL7DE | 35 | 29 | 11 | 4 | 34 |
| 6 | HA1UD | 34 | 23 | 9 | 5 | 39 |
| 7 | F5NAQ | 32 | 23 | 13 | 4 | 36 |
| 8 | DL8OAP | 28 | 22 | 11 | 5 | 35 |
| 9 | DL6UDX | 27 | 26 | 10 | 3 | 41 |
| | JA1FXZ | 27 | 16 | 4 | 5 | 37 |
| 10 | F6AXF | 26 | 20 | 9 | 3 | 38 |
| 11 | DK3SZ | 23 | 12 | 5 | 5 | 35 |
| 12 | I2YLG | 21 | 17 | 9 | 3 | 37 |
| 13 | EA7FFL | 19 | 14 | 5 | 3 | 41 |
| 14 | G0NUE | 18 | 17 | 9 | 4 | 41 |
| | DF7TZ | 18 | 12 | 6 | 5 | 41 |
| 16 | OK2LS | 17 | 16 | 8 | 3 | 34 |
| | 7K1SBJ | 17 | 9 | 1 | 3 | 40 |
| | JC1JAM | 17 | 9 | 1 | 3 | 45 |
| 19 | JA1MWK | 16 | 9 | 2 | 4 | 43 |
| 20 | HA1KSQ | 15 | 10 | 4 | 5 | 43 |
| | JR0MUW | 15 | 8 | 1 | 6 | 43 |
| | YO9AHX | 15 | 11 | 5 | 5 | 43 |
| 23 | F5FAA | 14 | 13 | 10 | 3 | 43 |
| | DL5USM | 14 | 14 | 6 | 3 | 43 |
| | F9ED | 14 | 14 | 9 | 2 | 44 |
| 26 | SM3IIG | 13 | 6 | 5 | 2 | 45 |
| 27 | DL3YAE | 9 | 8 | 4 | 3 | 43 |
| | HA5VQ | 9 | 3 | 1 | 4 | 45 |
| | EA3FPG | 9 | 9 | 4 | 2 | 45 |
| 30 | UB5WDT | 8 | 8 | 60 | 1 | 44 |
| 31 | SM5DAD | 7 | 6 | 5 | 2 | 45 |
| | DL2RGE | 7 | 7 | 5 | 3 | 44 |
| 33 | DF5BU | 6 | 1 | 1 | 6 | 47 |
| | DF1BJ | 6 | 1 | 1 | 6 | 47 |
| | HG5AMW | 6 | 3 | 1 | 2 | 46 |
| | OK2BGI | 6 | 6 | 6 | 2 | 44 |
| | JJ1RJZ | 6 | 6 | 1 | 1 | 47 |
| | JE1SIN | 6 | 1 | 1 | 6 | 47 |
| 39 | 7N1NYN | 5 | 5 | 1 | 1 | 45 |
| 40 | JA6NAA | 3 | 3 | 2 | 2 | 47 |
| | DF3SM | 3 | 3 | 3 | 2 | 45 |
| 42 | SM5CS | 2 | 2 | 2 | 1 | 46 |

ESPERANTO-KONKURSO 1992, rezultoj

| rango | vok-signo | poentoj | stacioj | landoj | bendoj | paŭzoj |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | LY2ZO | 118 | 58 | 23 | 4 | 29 |
| 2 | LY2BFN | 111 | 56 | 21 | 4 | 29 |
| 3 | DJ4PG | 107 | 54 | 16 | 6 | 24 |
| 4 | Y23HE | 103 | 61 | 21 | 6 | 34 |
| 5 | UW9YE | 101 | 58 | 23 | 5 | 27 |
| 6 | YO3AGI | 100 | 57 | 24 | 6 | 30 |
| 7 | HA7PW | 91 | 50 | 21 | 4 | 30 |
| 8 | F6EBZ | 80 | 46 | 17 | 5 | 29 |
| 9 | DL9ZEA | 72 | 35 | 19 | 5 | 24 |
| 10 | FF6ESP | 66 | 42 | 16 | 5 | 31 |
| 11 | OK3SZ | 62 | 43 | 15 | 5 | 34 |
| | F1MBX | 62 | | | | |
| | OK2LS | 62 | | | | |
| 14 | HA1UD | 60 | | | | |
| 15 | LA1MG | 59 | | | | |
| 16 | EA3BKL | 56 | | | | |
| 17 | SP2FXI | 54 | | | | |
| 18 | OK3TAD | 53 | | | | |
| 19 | F6AXF | 50 | | | | |
| 20 | DL8AMI | 48 | | | | |
| 21 | F1NQW | 47 | | | | |
| 22 | FE1NAQ | 41 | | | | |
| | F3ED | 41 | | | | |
| 24 | G0NUE | 40 | | | | |
| 25 | EA5DR | 39 | | | | |
| | F6FAA | 39 | | | | |
| | IZYLG | 39 | | | | |
| | SM5DAD | 39 | | | | |
| 29 | JA1FXZ | 36 | | | | |
| 30 | SM3IIG | 35 | | | | |
| | F2JA | 35 | | | | |
| 32 | G3ESP | 33 | | | | |
| 33 | RW9HWR | 31 | | | | |
| 34 | PA3FLC | 23 | | | | |
| 35 | JA1MWK | 22 | | | | |
| 36 | F6ILR/p | 20 | | | | |
| | JE2KZP | 20 | | | | |
| 38 | JO1JAM | 19 | | | | |
| 39 | JA6DMB | 16 | | | | |
| | YU7SF | 16 | | | | |
| 41 | OK2BGI | 15 | | | | |
| 42 | YL2GVK | 12 | | | | |
| | SM5CS | 12 | | | | |
| | JA6NAA | 12 | | | | |
| | JR1ISG | 12 | | | | |
| | HG5AMW/1 | 12 | | | | |
| 47 | JA2BOX | 11 | | | | |
| 48 | UA9YHA | 11 | | | | |

| rango | vok-signo | poentoj |
|---|---|---|
| 49 | JA2BOX | 11 |
| 50 | UZ0AZW | 10 |
| 51 | HL0S | 9 |
| | OH1[illegible] | 9 |
| | HA7VR | 9 |
| | SK5SU | 9 |
| 55 | GD0BCM | 8 |
| | HA7KVR | 8 |
| 57 | JH6YRQ | 7 |
| | HA5KV | 7 |
| | HA7JJO | 7 |
| | HG7JJP | 7 |
| | JH6YRQ | 7 |
| 62 | JI3GKA | 6 |
| | HA1KSQ | 6 |
| | HA1UK | 6 |
| | HA5KDW | 6 |
| | HA5KHS | 6 |
| 67 | JJ1RJZ | 5 |
| | HA1SW | 5 |
| | HA5ATD | 5 |
| | HA5VQ | 5 |
| | HA7SC | 5 |
| 72 | DL3AV | 4 |
| | JN1LYN | 4 |
| | HG7JBB | 4 |
| 75 | K8ZBN | 3 |
| | W2CIL | 3 |
| | HG5BPM | 3 |
| 78 | HL1MPC | 2 |
| 79 | HG7JEG | 1 |

aŭskultantoj:

1 SP-0189-68 27 [illegible]
2 OK2-22130 12 [illegible]